



*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020-64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.
J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075-616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182-37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.

**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072-571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: 78 68 44 167 nome de Esperanto Nederland; UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel. kaj fakso: 050-57 18 842. Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.


## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de majo. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj. Krome tre bonvenaj estas bildoj por la frontpaĝo!

## ENHAVO



## PRI PAĜO 1

Bildo de feliĉaj infanoj, lernantoj de Instituto Zamenhof en Togolando. Legu la tekston en paĝo 7.

## DE LA REDAKCIO.

Jen numero kiu donis al la redakcio malpli da plezuro ol kutime: la duono estas uzata por la Agadraporto 2008. Tamen: grava afero, vi kunportu ĉi tiun numeron kaj la antaŭan numeron al la ĝenerala kunveno, kiu okazos la 16-an majo en Utrecht.

Feliĉiga estas la fakto, ke niaj alvokoj pri estraranoj ne restis sen sukceso. DANKON !

En paĝo 11 vi trovos la daŭrigon de la serio "Geografio de la dua mondo", kaj jam ni konstatis ke ĝi utilis al pluraj membroj. Tamen: ĝustigoj kaj kompletigoj daŭre estas bonvenaj.

Kvankam nia asocio estas nur malgranda, ni tamen povas esti fieraj pri la utila helpo, kiun ni povas doni por helpi kaj feliĉigi homojn, jes eĉ tutajn vilaĝojn..! Pri tio vi legu artikolojn en la paĝoj 7 kaj 8.

Papero ne estas elasta, tial vi ne trovos la kutiman artikolon "Esperanto Publike", kaj la redaktoro ankaŭ devis forstreki kelkajn liniojn en aliaj artikoloj, sed tion vi certe komprenos.

Multan plezuron ĉe la legado!

## NOVA BANKKONTO.

ESPERANTO NEDERLAND transiris de ING-Bank ( antaŭe POSTBANK ) al TRIODOS-Bank.

Nia nova bankkonto estas 78 68 44 167 nome de Esperanto Nederland, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Do: se vi pagas al la asocio vi simple uzu la novan numeron.

## LA VENONTA STUDO-SEMAJNFINO..

La venonta studo-semajnfino okazos de la 6-a ĝis la 8-a de novembro 2009 en la Nivon-domo De Hoogkamer en Vlaardingen.

Informpetoj ĉe: Joeri Smolders, Warmoesstraat 7,1521 CH Wormerveer, tel. 075-6123471,
aŭ rete: <studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> kaj: Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, tel: 0223-643781,
aŭ rete: <lj.lathouwers@quicknet.nl>.

# AGADRAPORTO 2008

***laŭ la numeroj de la Buĝeto kaj Laborplano 2008.***

0.0. Tri temoj dominis ĉiujn agadojn: malforto de la estraro, Universala Kongreso en Roterdamo kaj la kreditkrizo. La apogeo en Roterdamo bedaŭrinde ne povis mildigi la du aliajn.

**1.1. Banko / Kapitalo.**

La estraro elektis TRIODOS-bankon por verdigi la financojn. Laŭ konsiloj la kasisto decidis ankoraŭ ne vendi la akciojn en la ING- bankfondusoj pro la granda kurzofalo ĉe la borso.

**1.2. Faulhaber-Fonduso.**

Ne estis elspezo por kultura aranĝo. Ne estis donacoj por tiu ĉi Fonduso. Pri la fonduso respondecas la estraro.

**1.3. Mabesoone-Fonduso.**

El la fonduso nia faka sekcio NGGE ricevis subvencion por studotago kaj nia loka sekcio Alkmaar por renkontiĝo. Ne estis donacoj por tiu ĉi Fonduso. Pri la fonduso respondecas la estraro.

**2.1. Estraro.**

Ekde 01-01-2008 funkciis 5 estraranoj, nome Ans Bakker-ten Hagen (prezidanto), Els ten Hagen-Renses (kasisto), Alfonso Pijnacker (sekretario), Joke Hoobroeckx-Dooren kaj Hans Bakker. En la ĝenerala kunveno 2008 la estraranoj Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker laŭskeme demisiis. Ambaŭ decidis forlasi definitive la estraron. Do, ekde 24-05-2008 funkciis 3 estraranoj sen prezidanto.

Feliĉe, la estraro spertis daŭre la helpon de la inform-prizorganto Ineke Emmelkamp, kiu ankaŭ partoprenis la kunvenojn.

Entute 10 fojojn la estraro kunvenis, plej ofte en Utrecht, kaj cetere estis retaj kaj telefonaj kontaktoj.

Laŭ la laborplano la estraro pristudu la Internan Regularon sed ĝi ne faris tion. Dubo pri la estonteco malhelpis eventualan ŝanĝon. Gravis la varbo por novaj estrar-kandidatoj. Post kelkfoja partopreno al estrarkunveno Peter Ebenau decidis kandidatiĝi. Fine de 2008 la estraro decidis sendi alarm-leteron al la membroj pri la neeltenebla estrarsituacio.

Kontakto kun Nederlanda Esperanto-Junularo (NEJ) por kunlaborado ne realiĝis pro krizo en NEJ. Dum la Malferma Tago de CO-UEA en novembro 2008 ni parolis kun Douwe Beerda kaj Richard van Schaik kaj aŭdis ke NEJ havas novan estraron.

**2.2. Membroj, subtenantoj, eksterlandaj abonoj.**

La membro Remment Balk administris kaj liveris la adres-etiketojn por FEN-X.

Ja, post jaroj, kreskis la membro-nombro! Supozeble dank' al la kongreso en Roterdamo kaj niaj studsemajnfinoj.

**Membroj**

je 1-1-2008: 342. Novaj 29, eksaj 22 --
je 31-12 2008: 349.

**Kotizo-kategorioj:**

Ordinaraj membroj 309, samhejmanoj 40.

**Aĝoj:**

| | |
|---|---|
| 0-29 - jaraj | 5 |
| 30-69-jaraj | 175 |
| ekde 70-jaraj | 158 |
| Sen indiko | 11 |

**Fen-X-abonoj (nur eksterlandaj):**

| | |
|---|---|
| je 1-1-2008 | 5 |
| je 31-12-2008 | 4 |

**La Ĝenerala Kunveno 2008 decidis ne ŝanĝi la jarkotizojn por 2008, do fiksis jene:**

| | |
|---|---|
| - membro ordinara | 27,50 EUR |
| samhejmano ordinara | 8,00 EUR |
| - NEJ-membro | 13,75 EUR |
| NEJ-samhejmano | 4,00 EUR |
| - subtenanto | 10,00 EUR minimume |
| - aparta eksterlanda abonkotizo | 15,00 EUR |

**2.3. Membro-kunveno.**

Estis unu ĝenerala kunveno en Utrecht.

**2.4. Arkivo.**

Ni transdonu laŭ interkonsento interesan materialon al Fondaĵo "Internationaal Instituut voor Sociale Geschiedenis" en Amsterdam. Ans Bakker-ten Hagen transdonis sian administrajon.

**2.5. Goslinga-kolekto.**

La kolekto troviĝas ne taŭge ordigita en ujoj.
Nia membro Atilio Orellano Rojas akceptis la taskon ordigi la kolekton por montrado al la ekstera publiko por ke ĝi povu servi por propagando. Fine de 2008 la ordiĝo ankoraŭ ne estis preta. Alia ideo estas bitigi la materialon. Parton de la kolekto ni montris dum la UK en Roterdamo.

**2.6. Esperanto Publike.**

Estrarano Hans Bakker faris la taskon.
Regule aperis en FEN-X artikolo pri kolektitaj noticoj el la amaskomunikiloj. Tiuj noticoj samtempe servas la Veroren van Themaat-ĵurion.

**3.1. Kaskontrolo.**

Ekde la ĝenerala kunveno 2008 respondecis Jeannette Bosse, Bert Engel, Jacques Tuinder kaj Arjen-Sjoerd de Vries.

**3.2. Arbitracio.**

Ne necesis arbitracii.
La komisiono havas 3 anojn: Marc van Oostendorp / 2008-2011, Kees Ruig 2006-2009, Anneke Schouten-Buys 2007-2010) kaj 1 anstataŭanton (Ko Hammer 2007-2010).

**3.3. Verloren van Themaat-premio.**

La 3-persona ĵurio (Wil van Ganswijk, Kees Ruig kaj Sil-

via Pilger) decidis ke W.H. Jansen meritas la premion pro multaj artikoloj pri la libro “Woordvolgorde in het Esperanto“.

La ĵurio finis sian laboron kaj la estraro nomumis por tri jaroj (2009-2010-2011) novan ĵurion, nome, Els van Dijk, Kitty Balk kaj Kees Hoeijenbos.

**4.1. Informado.**

*Joke Hoobroeckx raportis:*

Kiel estrarano por informado mi kunlaboris agrable kun Ineke Emmelkamp.

Kadre de la Tago de la Gepatra Lingvo kaj de la Eŭropa Tago de la Lingvoj ni sendis leterojn kun materialoj pri la UK al la Frakcioj en la Dua Ĉambro kaj al la Ministro de Edukado. Ni ricevis respondon nur de ministro Plasterk.

Antaŭ kaj dum la UK ni disdonis informmaterialon al la gazetoj, al la kongresantoj, k.t.p. Dum la kongreso ni vendis kongresajn poŝtmarkojn kaj aĵojn el la Goslinga-kolekto.

De la estraroj de la komunumoj en Nederlando kie estas Zamenhofaj aŭ Esperantaj stratoj kaj monumentoj, ni petis informojn kaj fotojn por kompili libreton. Bedaŭrinde venis nur 4 reagoj, ne sufiĉe por kompili libreton.

Ni propagandis grandskale en la Amsterdama Multkultura Manifestado kaj laŭ invito en instituto Nemo en Amsterdamo dum semajnfino pri kodoj.

*Ineke Emmelkamp raportis:*

En tiu ĉi jaro mi daŭrigis mian agadon rilate al la ekstera informado.

Pere de la reto homoj petis informojn pri Esperanto kaj mi sendis al ili la libreton Ŝlosilo, informojn pri studsemajnfinoj kaj aliajn ĝeneralajn materialojn. Interesiĝantoj kelkfoje faris specialajn demandojn kaj foje estis interesa korespondado pri Esperanto. La retadreso <info@esperanto-info.nl> estas menciita en la retejo kaj informmaterialo. Mi ricevis ankaŭ aliajn petojn, ekz. infanoj de esperantistoj heredis materialon kaj donacis ĝin al ESPERANTO NEDERLAND. Tiumaniere mi ricevis interesan libreton pri VARA kaj Esperanto el 1938. La broŝuro nun estas en la arkivo de IISG. Aliaj homoj petis tradukadon de kelkaj vortoj aŭ frazoj en Esperanton, ĉar ekz. ili serĉas interesan nomon por nova firmao.

En julio mi havis kontaktojn kun pluraj ĵurnalistoj kiuj serĉis informojn pri Esperanto. Aŭ mi mem estis intervjuita aŭ mi sukcesis trovi taŭgan personon en alia parto de Nederlando.

En 2008 mi forsendis 268 kovertojn kun informmaterialo (en 2007: 340). Unu peto venis el Indonezio, li poste membriĝis al ESPERANTO NEDERLAND. Plurfoje mi ricevis petojn el Flandrio, kiujn mi transsendis al FEL. FEL sendis la informpetojn el Nederlando al mi. Al 20 personoj mi sendis skatolon kun informmaterialo, ĉar ili (esperantistoj aŭ lokaj grupoj) bezonas la materialon por disdoni dum prezentadoj en budoj, ekspozicioj aŭ lernejaj programoj. Al Danlando mi sendis materialon por disdoni dum Eŭropa Socia Forumo. Plurfoje mi aŭdas ke la ricevantoj aprezas la materialon.

Kelkaj ciferoj:

132 petantoj estis pli junaj ol 30-jaraj
100 petantoj estis inter 30- kaj 60-jaraj
En junio kaj julio mi ricevis 68 petojn.
El la provinco Groningen mi ricevis 26 petojn, el Sud-Holando 60, el Nord-Holando 52, el Zelando nur 10.

**4.2. Instruado.**

*4.2.1. La estraro ne trovis estraranon/kunordiganton kiu specife pretas gvidi la instru-aferojn.*

Rob Moerbeek kompilis novan ekzamen-ekzercaron.
La estraro startigis serĉludon por stimuli la okupiĝadon pri Esperanto-vortoj. Ĉar nur kelkaj membroj partoprenis, la estraro decidis ke la lasta ensenddato ne estu 31-12-2008 sed 31-12-2009.

*4.2.2. Instrua Servo.*

La Instrua Servo okupiĝas nuntempe nur pri la Praktika Kurso de Esperanto, kiun kunordigas Luit Staghouwer. Estas teamo de korektantoj sed ili ne havis taskon. Nur unu persono petis informojn kaj mendis la kurslibron, sed neniu ensendis kontrolendajn taskojn. Ni urĝe konsideru tiun ĉi servon.

*4.2.3. Stud-semajnfinoj.*

Pri la studsemajnfinoj respondecas Marijke Lathouwers. Tradicie organizitaj estas 2 studsemajnfinoj por paroligi. En la marta semajnfino en Bornerbroek partoprenis 22 personoj. La novembra semajnfino en Wijk aan Zee altiris 21 personojn. Informoj pri la semajnfinoj ĉiufoje legeblas en FEN-X kaj en la retejo.

*4.2.4. Subvencio por la Katedro Interlingvistiko kaj Esperanto.*

La katedro pli kaj pli sukcesis danke al la docento Wim Jansen, kiu eĉ profesoriĝis.
La Internacia Esperanto-Instituto en Hago respondecas pri la Katedro, dum ESPERANTO NEDERLAND kunfinancas ĝin.
Por povi pli subteni la Esperanto-laboron de la docento la estraro decidis proponi al la Ĝenerala Kunveno 2009 specialan katedro-fonduson.

*4.3. Utiligado.*

4.3.1. La estraro ne trovis estraranon/kunordiganton por tiu ĉi tasko.

*4.3.2. Faulhaber-komisiono.*

Pro la Universala Kongreso en Roterdamo la Faulhaber-komisiono organizis nenion.
Membroj de la komisiono estas Els van Dijk, Els ten Hagen kaj Ineke Emmelkamp.

.

*4.3.3. Biblioteko.*

Nia biblioteko troviĝas en la Universitato de Amsterdamo kiu mastrumas ĝin. Ni ne transdonis novajn librojn.

*4.3.4. Brokantaĵoj.*

El pliaj heredaĵoj ni ricevis librojn, kiujn ni transdonis grandparte al UEA (Hodler-biblioteko kaj Libro- Servo). Senvaloran materialon ni forĵetis kaj iom da materialo ni konservis por la arkivo.

*4.3.6. Esperanto-libro.*

Laŭ plano ni eldonis broŝureton kiel donacon en 2008 al

la kongresanoj en Roterdamo. Temas pri “Ĉu tipe Nederlanda?”. Ĝi estas oficiala eldono de Publikaj Bibliotekoj kaj Bert de Wit prizorgis la tradukon.

**4.4. FEN-X.**

La membrogazeto FEN-X aperadis akurate sesfoje en 2008. Ĉiu numero havis 16 pagojn redaktatajn de Ko Hammer kaj Hans Bakker. Kvar kromajn pagojn (Lingva Rubriko), aparte elpreneblajn, prizorgis Emiel van Damme. La revuo estas rete legebla per <www.gazetejo.org>. Lingve Rob Moerbeek korektis la enhavon. La teknika redaktoro estis Julia de Coster. Presadon kaj dissendadon faris Flandra Esperanto-Ligo.

**4.5. Retejo.**

Bert Klijn prizorgis kun helpo de kelkaj aliaj membroj nian retejon <www.esperanto-nederland.nl>.

**5.1. Universala Esperanto-Asocio (UEA).**

Ans Bakker-ten Hagen (UEA-Komitatano A por 2007-2010) raportis: Ĝis la kongreso en Jokohamo (2007) mi kombinis la funkcion de komitatano A kun tiu de estrarano de UEA (por financo kaj administrado). La liberan tempon mi dediĉis al laboro en la Loka Kongresa Komitato, kiu respondecis -- kune kun la Centra Oficejo de UEA – pri la kongresa aranĝo en Rotterdam. Estu klare: la estraro de UEA invitis la kongreson, ne ESPERANTO NEDERLAND respondecis aŭ engaĝiĝis. Se tamen mi mencias tiun eventon en ĉi-jarraporto, estas pro agrabla kunlaboro de la 6 LKK-anoj (ĉiuj membroj de ESPERANTO NEDERLAND) kun la respondeculoj en la C.O. La mencio ankaŭ estas pro la grava kaj granda kunlaboro de plurdekoj da aliaj niaj membroj. Ili ebligis al LKK organizi kongreson en kiu la partoprenantoj sentis sin bonvenaj. Kongreso kun riĉa, varia programo -- labora kaj distra. Mi parolas pri homa (prepar)laboro. Tio signifas ke kelkaj malpli agrablaj okazaĵoj estas neeviteblaj. Pri tio kion oni povus eviti, LKK raportis al la Konstanta Kongresa Sekretario kaj al la estraro de UEA. Ni danke uzis la sugestojn kiujn al mi sendis du kongresanoj post la UK.

La jaro 2008 estis festa jaro por UEA. Ĝi memoris sian centjariĝon! Okaze de tiuj 100 jaroj aperis libro de la movada historiisto Ulrich Lins: Utila Estas Aliĝo-ekskurso tra 100 jaroj. Festparolado de Humphrey Tonkin rilate al tiu jubileo instigis la ĉeestantojn ĉeesti la kunsidojn pri historio kaj estonto.

La kongresa temo estis ligita al tiu de UNESKO kaj Unuiĝintaj Nacioj: “Lingvoj: trezoro de la homaro”.

La Ĝenerala Direktoro de UNESKO salutgratulis la kongresanojn kaj UEA. En la kongresa programo la temo revenis diversokaze. Eĉ la Roterdama akĉento aŭdigis kiam Jules Deelder -- nokta urbestro de la urbo -- prezentis sian faman poemon pri Roterdamo. (Poste la ĉeestantoj konatiĝis kun la traduko de Wim Jansen.)

La Komitato traktis la jarraportojn. (Vi komprenu bone ke mi kontente konstatis ke la financa situacio konstante pliboniĝas, fakto kiu komenciĝis dum mia estrara periodo.) Dum la semajno la Komitato laboris en 8 subkomitatoj. El tiuj rezultis proponoj kaj rekomendoj al la estraro, pri kiuj la Komitato voĉdonis. Ĝi rekonfirmis la Strategian Laborplanon, parolis i.a. pri la internaciaj ekzamenoj kaj pri la rilatoj kun internaciaj (ne-registaraj) organizaĵoj.

Fine la Komitato prezentis la Kongresan Rezolucion, en kiu ĝi menciis la 100-jarigon de UEA, notis la gravan rolon de lingvoj en la konservado de scioj kaj kulturoj en la ebligado de malsamaj aliroj al la mondo kaj en kiu ĝi proponis al la monda komunumo science esplori la rolon de Esperanto en pli efika kaj justa komunikado tra la mondo.

Granda parto de la membraro de ESPERANTO NEDERLAND sekvas la agadon en la Esperanto-movado per Revuo Esperanto kaj per la retaj listoj de UEA.

La UEA-kotizo sumiĝas je 1,16 eŭroj por ĉiu membro ne estanta individua UEA-membro.

Kees Ruig raportis ke li, kiel ĉefdelegito, ricevis plendojn pri la UK kaj partoprenis prijuĝan kunvenon dum I.F. en Düsseldorf en kiu ankaŭ partoprenis Claude Nourmont, estrarano pri informado kaj kongresoj.

Kees Ruig kaj Alfonso Pijnacker agadis kiel kontaktpersonoj dum la kongreso, respektive por IKEF kaj la Goligo. Informo pri la agado de KUNE-membroj dum la kongreso troveblas sub numero 6.1.

**5.2. Eŭropa Esperanto-Unio (EEU).**

La estraro ne nomumis novan reprezentanton por EEU.
Kontaktoj estis pere de la sekretarioj.
EEU mem informis pere de propra retejo.
La EEU-kotizo sumiĝas je 0,50 eŭro por ĉiu membro.

**5.3. Komerca Ĉambro.**

Nia asocio estas oficiale registrita ĉe la Komerca Ĉambro.

**6.1. Fakaj Sekcioj.**

**KUNE**

KUNE estas kaj Kristana sekcio de ESPERANTO NEDERLAND kaj Nederlanda sekcio de Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI).

Fine de 2008 KUNE havis 20 membrojn kaj unu familian membron. La membroj ne kunvenis sed ricevis informilojn. Pluraj el la membroj estas ankaŭ aktivaj en ESPERANTO NEDERLAND. Pluraj vizitas regule la internaciajn kongresojn de KELI kaj la Ekumenajn Kongresojn. Gerda Dercks (kasisto) kaj Els van Dijk estas la estraranoj. Els van Dijk estas ankaŭ estrarano de KELI. Ili kunlaboris en la organizado de la kongresa diservo kadre de la UK en Roterdamo kaj de la fakkunsido kun IKUE.

**NGGE**

NGGE estas kaj Instruista sekcio de ESPERANTO NEDERLAND kaj Nederlanda sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI).

La membraro fine de la jaro 2008 nombris 28 personojn. La estraro, konsistanta el Rob Moerbeek (prezidanto), Julija Batrakova (kasisto), Simon Smits (protokolanto) kaj Atilio Orellana Rojas (sekretario), kunvenis 5 fojojn en la sidejo de Internacia Esperanto-Instituto.

La jarkunveno okazis la 1-an de marto 2008 en la sidejo de Internacia Esperanto-Instituto en Den Haag. S-ino Julija BATRAKOVA estis reelektita kiel kasisto kadre de la jarkunsido.

La studotago okazis la 4-an de oktobro 2008 ĉe la sidejo de Internacia Esperanto-Instituto kaj ĝia ĉefpreleganto estis Stano Marček el Slovakio, kiu prezentís la verkon Esperanto per rekta metodo. Alia preleganto tiutaga estis sinjorino Kasia Marciniak, pri Pollando, la lando de la UK 2009. La studotago okazis dank' al la subvencio de Fonduso Mabesoone de ESPERANTO NEDERLAND.
"NGGE Sciigas" aperis 3-foje: en februaro, junio kaj oktobro.

**6.2. Regionaj Sekcioj (kaj kontaktpersonoj).**

**ALKMAAR**

Fine de 2008 estis 40 membroj.
Estis 10 klubvesperoj en Alkmaar (meznombre 17 partoprenantoj), 10 konversaciaj rondoj en Heiloo (meznombre 8 partoprenantoj), 10 konversaciaj rondoj en De Beemster (meznombre 5 partoprenantoj). Al la klubvesperoj venis 3 eksterlandanoj. Temoj estis ŝtonoj, fruktoj, ferioj, profesioj. La plej sukcesplena programero "Zamenhofrememoro" altiris 30 personojn.

La sekcio organizis ĝemelurban renkontiĝon en julio. Partoprenis 19 eksterlandanoj kaj 29 personoj el Nordholando. La kantgrupo Malvo vizitis la UK-n.

La sekretario havis unu kursanon por komenca kurso.
Propra revueto Fromaĝoklośo aperis 4 fojojn. Ofte aperis artikoleto en regionaj gazetoj.

**EINDHOVEN**

La Esperanto-Klubo Eindhoven (EKE) havas 18 membrojn kaj 3 donacantojn. Dank' al nia propra paĝaro en interreto aliĝis 3 novaj membroj.

En la 11 kunvenoj la programo estis varia. Plej ŝatata estas skrablo. Estis komuna ekskurso al la Van Gogh-muzeo, en kiu ankaŭ partoprenis germanoj kaj belgoj.

Venis 2 gastoj el Essen (Germanio) por inviti niajn membrojn ekskursi al Essen.

**HAARLEM**

Fine de 2008 estis 15 membroj kaj kelkaj subtenantoj.

La membroj kunvenis 17 fojojn, plej ofte por konversacii. En majo 16 personoj el diversaj grupoj en la provinco partoprenis ekskurson.

**HEEMSKERK**

La sekcio havis 4 membrojn. Oni ne kunvenis, sed havis kontaktojn per telefono kaj interreto. Rob Moerbeek kaj Joke Hoobroeckx partoprenis en Kerstmarkt Beverwijk. Joke akceptis 3 personojn en sia hejmo por la "Ŝnurkurso"
(Waslijncursus). Jacques Tuinder, Marianne van Gemert kaj Joke Hoobroeckx kunlaboris en Heemskerk Kijkt Verder, kiu okupigis pri Jarmilaj Celoj 2015.

**MEZA ZELANDO**

Fine de 2008 estis 9 membroj.

La membroj kunvenis unu fojon en monato, escepte de julio kaj aŭgusto, por konversacii.

La 5-an de majo la sekcio prezentis sin en budo en Vlissingen. La 20-an de septembro estis ekskurso kune kun flandroj. En la decembra kunveno oni esprimis la emon ĉesigi la sekcion.

**NIJMEGEN**

Fine de 2008 estis 16 membroj kaj 7 donacantoj.
Estis 16 kunvenoj en kvartalcentro. La programo estis varia. Leciono por komencantoj estas ĉiam dum duona horo antaŭ la kunveno. Konversacia grupeto kunvenas sendepende de la klubo.

Kees Ruig propagandis en Groesbeek kaj poste tie organizis Cseh-kurson kun 9 partoprenantoj.

Propra bulteno aperis 5 fojojn. La klubo havas komunan abonon je Litova Stelo kaj La Gazeto kaj kolektas monon por Bona Espero.

**NOORD-NEDERLAND**

La sekcio Noord-Nederland entenas la sekciojn Groningen-Drente kaj Frisa Esperantista Rondo.
Fine de 2008 estis 52 membroj (kresko 6) kaj 11 abonantoj/donacantoj. Okazis 18 kunvenoj, meznombre 8 partoprenantoj.

La programo estis varia. Prelegis Rob Moerbeek pri novaj eldonoj de Esperanto-libroj, Ginta Uittenboogaard pri Litovio, Harm Roeters pri Trompo kaj propra profito, Wil van Ganswijk pri Ikonoj. Vizitis gasto Walentyna Fiszer-Dolinska el Bjalistoko (Pollando). Membroj vizitis respektive studsemajnfinon, instrutagon en Herzberg (Germanio), Malferman Tagon de UEA. Daŭre estis E-kurso per interreto kaj estis ankaŭ buŝa E-kurso.

Propra revueto La verda stelo aperis 3-foje.

Informado al la publiko okazis pere de budo kaj per malferma tago.

**OOST-VELUWE**

Tiu ĉi sekcio ne havas sekretarion. Tamen ĝi agadis, kunvenis 10 fojojn kaj invitis gastojn, Osmo Buller kaj Gerrit Berveling.

**ROTERDAMO**

Fine de 2008 estis 11 membroj kaj 2 subtenantoj.
La membroj kunvenis 17 fojojn en la Centra Oficejo de UEA. Vizitis ĝin 4 gastoj.

La programo estis varia, grandparte por pli bone regi la lingvon. Tamen ne estas specala lingvo-kurso.

Rob Moerbeek prelegis pri literaturo kaj Rudi Koot prelegis pri radioŝipoj kaj pri la historio de Belgio.

Propra bulteno Roterdama Stelo aperis 4-foje kaj estis sendita al Kobe Esperanto-Societo (KES) en Japanio, kun kiu estas kontakto.

**7.1. Ne-atenditaj aferoj.**

Ne estis menciindaj aferoj kiuj neatendite postulis tempon, monon aŭ energion de la estraro.
Jes estis donacantoj kiuj libere, malavare kontribuis.

Kaj - - - plej gravis individuaj agoj, malofte aŭ neniam prilumitaj. Certe meritas laŭdon Gerrit Berveling, kiu eldonis plurajn librojn.

Nome de la estraro kompilis: Alfonso Pijnacker
<sekretario@esperanto- nederland.nl>.

**LASTA NOVAĴO (Venis post pretigo de la numero).**

Bedaŭrinde kandidato Peter Ebenau retiris sin pro troa profesia laborado. Do, por la daŭrigo de nia asocio ni bezonas pliajn estraranojn.
La nuna estraro urĝe petas vin partopreni la kunvenon kaj alporti solvojn por la estonteco. La asocio bezonas vin !

**Van: “A.M. Pijnacker” <a.pijnacker@xs4all.nl**
**Datum: 29 maart 2009 12:57:11 GMT+02:00**
**Aan: <redakcio@esperanto-nederland.nl**
**Onderwerp: kandidaat-voorzitter**

Estrara sciigo

Por la elektoj dum la ĝenerala kunveno 16-05-2009 (punkto 7.1 de la Tagordo) la estraro prezentas Gerrit Berveling kiel kandidat - prezidanton de nia asocio.

Alfonso Pijnacker,
<sekretario@esperanto-nederland.nl>.

## ĈU VI HAVAS RETADRESON?

Ĉu ni ankoraŭ ne konas vian retadreson? Ĉu vi deziras ricevi informojn pri la asocio ESPERANTO NEDERLAND rete?

La estraro petas ĉiujn, kiuj havas retadreson konatigi ĝin al la sekretario (sekretario@esperanto-nederland.nl).

Ni volonte deziras retpoŝte sendi al vi invitojn por jarkunvenoj kaj la aldonajn paperojn. Por vi kaj la asocio facila kaj moderna maniero de komunikado. Kaj ni ŝparas elspezojn por kovertoj kaj poŝtmarkoj.

Ineke Emmelkamp.

## JOSEPH B. APASA KOMENCIS LA DUAN SEMESTRON



*La konstruaĵo de la fakultato.*

Joseph estas en la Internacia Fakultato pri Inĝeneriado, kie oni instruas en la angla aŭ/kaj la franca. Ĉiuj klasoj en tiu fakultato havas pli-malpli 20 studentojn, en aliaj klasoj estas ofte pli. En tiuj klasoj oni instruas en la pola. En la fakultato de Joseph estas kvar aliaj afrikaj studentoj. En aliaj fakultatoj kaj en aliaj universitatoj estas pli da tiuj studentoj.

Laŭ Joseph la pola lingvo estas malfacila. Li partoprenas kurson de la pola lingvo ĉiun vendredon vespere. Sed li opinias ke li verŝajne restos eterna komencanto!

La plejmulto de la samklasanoj de Joseph estas polaj gejunuloj, kiuj lernis la francan en duagrada lernejo. Ili havas tiom da jaroj kiom havis Joseph kiam li estis en la universitato en Kongo. Dum la pasintaj jaroj Joseph ne studis kaj li jam spertis ke li nun havas “iom pli pezan cerbon”. Tamen li ne estas malkontenta pri siaj rezultoj de la unua semestro. Li akiris bonan rezulton en matematiko, sed malsufiĉan en fiziko. Entute li akiris 21 studunuojn el 29. La postulata minimumo estas 15.



*Joseph en sia ĉambro.*

Joseph vivas en internulejo kiu situas en studenta kvartalo, je proksimume 20 minuta piedira distanco de la universitato. En la apartamento Joseph loĝas kun du aliaj afrikanoj, kiuj nun estas en alia fakultato. Ili ĉiam estas ege okupitaj. “Jes, sufiĉe da tempo vere mankas al ni. Nian televidilon nur rare oni rigardas”.

Intertempe komenĉiĝis la dua semestro kaj Joseph finfine ricevis sian studentan karton. Tiu karto iom plifaciligas la vivon de Joseph. Sen tiu karto li nek rajtis eniri la komputilan halon, nek la bibliotekon de la universitato.

Ekde la komenciĝo de la dua semestro Joseph partoprenas sporton, parton de la stud-programo. Ĉiu studento devas elekti sporton, Joseph elektis sketadon. Ĉiun lundon vespere li iras al sketejo.

La parencoj de Joseph vivas en Kongo. Liaj frato kaj fratino havas vidkapablajn problemojn. La fonduso “Zienderogen-Evidente” rigardos ĉu ĝi iel povos helpi ilin. Krome la fonduso aliĝis al la rondo de subtenantoj. La financa helpo do grave plifaciligas la vivon de Joseph ĉar la 200 eŭroj monate, kiujn li ricevas de iu pola socia helpo, ja sufiĉas por la studado, manĝado kaj la porĉambra lupago, sed restas nur malmulte da mono por aliaj elspezoj.

Novaj subtenantoj daŭre estos bonvenaj, ne gravas kiom oni povos kontribui. La subtenantoj regule (rete) ricevos informojn pri la spertoj de Joseph. Se ankaŭ vi pretas helpi, vi povos transkontigi sumon al konto 78 68 44 167 nome de Esperanto Nederland, 1704 BH Heerhugowaard. Ne forgesu noti: “Joseph”.

Luit Staghouwer,
Julianalaan 25, 9781 ED Bedum.
Tel. 050-3014015. <luitstaghouwer@home.nl>.

## KIO OKAZAS EN TOGOLANDO?





La jaro 2008 estis denove bona jaro por Instituto Zamenhof. La lernejo konsistas plu el ses bazaj jaroj kaj kvar mezgradaj. Pro la novkonstruado de plia alo nun la nombro de klasoj estas sufiĉa por ĉiuj niveloj kaj altiras preskaŭ 500 lernantojn el la tuta kvartalo de Lomeo.

Interese estas ke la plimulto estas inoj. Fakte, mankas lokoj por ĉiuj kandidatoj. Gepatroj insistegas por akiri lokon por siaj infanoj.

En la mezgrada lernejo oni lernas Esperanton kaj ankaŭ kelkajn aliajn nekutimajn fakojn, ekz. komputiladon.

Multo okazis ekde la komenco de la planado. La monvarbado okazis ĉefe en Nederlando kaj Francujo kaj en septembro 2004 la pordoj malfermiĝis de IZo (Instituto Zamenhof). De tiam ĝi kreskis kaj floris pro la bona gvidado de Gbeglo Koffi. Tiu fama esperantisto kun siaj kolegoj planis, kreis, plenumis, gvidis ĉion, sen iom ajn da enmiksiĝo el Nederlando. La Instituto estas por li monumento de lia vivo.

La ekzamenaj rezultoj en julio 2008 estis jenaj:
La finekzamenoj en la 6-a klaso de la elementa lernejo: el 14 kandidatoj sukcesis 12.
En la 4a klaso de la CEG (kolegio): el 28 kandidatoj sukcesis 25.
Je la 6-a de oktobro komenciĝis la nova studjaro.
Enskribiĝis:
- Baza instruado: 97 knaboj kaj 125 knabinoj = 222 entute. Meze 37 en unu klaso.
- CEG : 104 junuloj kaj 103 junulinoj = 207 entute. Meze 52 en unu klaso.
- Sumo: 429 lernantoj.

Laŭ la tradicio ĉiu trimestro finiĝas per festo de kulturaj



prezentaĵoj, manĝado, muziko kaj dancado. Sed ĉi-foje la festo estis alia. Inspektorino de la Ministerio de Sano, s-ino Tchalare, venis por paroli kun la lernantoj pri la temo higieno. Ŝi substrekis la gravecon de purigado de la korto, de la domo, de la vestaĵoj kaj de la korpo. Ŝi respondis multajn demandojn. Kun junulinoj ŝi kunvenis aparte. Ŝi foriris kun laŭdo por la seriozeco de la lernantoj.

Ankaŭ la "frukta projekto" plu daŭris dum la jaro. En 2005 ĝi ekestis kiel rezulto de diskutoj pri manĝado por bona sano -- nova ideo por infanoj kiuj manĝis nur por forigi la stomakan malsatsenton. La projekto "manĝi por bona sano" venigis fruktvendistinojn en la lernejan korton, kiuj vendis tie siajn varojn kun subvencio de la lernejo.

En 2009 IZo festos sian kvinjaran funkciadon. Kiu volas ricevi de tempo al tempo novaĵojn pri ĝi, povas serĉi sub <www.eenschoolintogo.nl> aŭ eĉ pli facile: povas komuniki sian deziron al <info@eenschoolintogo.nl>.

Hans Bakker

## KORESPONDO-PETO

Animaciajn filmojn en Esperanto mi volas fari. Tiucele mi studas desegnadon de movbildoj ĉi-jare ĉe filma lernejo. Ĝuste nun mi volas montri al miaj samklasanoj (kaj instruistoj) ke ja ekzistas homoj tutmonde kiuj volas vidi novajn movbildojn en Esperanto.
Se vi subtenas mian revon, bonvolu sendi poŝtkarton al mi ĉe la jena adreso:
Simmon Keith Barney / 1111 Pacific St, # 407 / Vancouver-BC / V6E 3X7 / CANADA

## INVITO AL BOCHUM

Trifoje ni sekvis inviton de nederlandaj amikoj, nun ni reciprokas la inviton por montri interesajn aferojn en la Ruhr-regiono. Se vi ŝatas vidi interesajn lokojn kaj paroli esperanton en internacia etoso, estu invitata partopreni la jam tradician ekskurson Translima Renkontiĝo Esperantista de la Esperanto-Grupo Essen (TRE-EGE) no 3.
La evento okazos sabaton, la 16-an de majo en Bochum.

Ĝis nun planitaj programeroj estas:
-- Porpaca agado en la urbocentro (<http://www.pev2010.eu/>)
-- Vizito de la nova sinagogo (verŝajne ne eblas)
-- Pikniko en la urboparko
-- Komuna vespermanĝo en restoracio
La vizitoj kaj la pikniko estas senpagaj, nur la konsumadon en la restoracio pagos ĉiu je propra konto.
Ni petas vin aliĝi sufiĉe frue ĉe la retadreso <ludger.schmeink@esperanto.de>
Krome vi indiku, ĉu vi volas vespermanĝi aŭ ne en la restoracio. Kiam la planado estos finfarita, ĉiu aliĝinto ricevos itiner-priskribon.

Petra Dückershoff kaj Ludger Schmeink

## JILDE STERN:

**La filmo "La ĉambro de la filo" de N. Moretti 2001**



Esprimo: 'Tiu kiu esperas nenion,
ne bezonas malesperi'

[Seneca,
2 16 [3] Medea.
Seneca vivis
de 4 a.K. ĝis 65 p.K.

Ĉi tiu filmo montras enrigardon en la familia vivo. La patro Giovanni de la familio estas psikiatro, kiu loĝas kun sia edzino Paola kaj du infanoj proksime de haveno en Italio.

Kiam la filo Andrea (dekses-jara) en ĉeesto de amikoj pereas dum la marsubakviĝado, la patrino kaj filino Carla (dekkvin-jara) nur enfermas sin en sia ĉagreno, kvankam la patro daŭrigas sian laboron. En la filmo la patro ricevas la plej multan atenton kaj ni ekkonas lin per rerigardo en la familia vivo. La psikiatra praktikado de Giovanni montras al ni rapide ke lia alpaŝo de la problemoj de siaj pacientoj estas nur analiza.

La rilato inter li kaj paciento estas sinretenema kaj funkcia. Giovanni priregas la sentesprimojn de siaj pacientoj kaj ankaŭ de siaj familianoj. Ankaŭ la pacientoj kaj familianoj konformiĝas al la deziroj de Giovanni. La rilatoj inter la edzino kaj infanoj iradas laŭ konstanta ŝablono.

Estas malmultaj diskutadoj kaj videblaj emocioj ne estas montritaj. Je iu tago la patro konfrontiĝas kun okazintaĵoj en la vivo de sia filo. En la lernejo Andrea ŝtelis multekostan amoniton el la kolekto de sia kemi-instruisto.

Poste la patro vidas kiel lia filo tenas sin dum teniskonkurso. Ŝajnas kvazaŭ li perdis intereson kaj la patro demandas sin kial li ne montras konkuradon.

Fine la patro malkovras ke lia filo pasigis kelkajn tagojn kun knabino sen lia scio.

Ĝis tie ĉi la interesa filmrakonto.

**La esprimo de Seneca kaj ĝia interpretado.**

Ŝajnas kvazaŭ Andrea montras du malsamajn kondutojn, nome: Hejme li konformigas sin al la deziroj de la patro (Ne esperas pri propra kontribuo.). En ĉeesto de siaj amikoj li montras trokuraĝan konduton (sen skrupuloj kiel pri ŝtelado, marsubakviĝado sen spertoj, forirado sen interkonsiliĝo).

Por akiri aŭ konservi bonan pozicion en la grupo de amikoj Andrea kuraĝas tro multe, pro timego ne konduti virece.

Rimarko: tiu speco de timego estiĝas, se la filo ne sentas emocian ligilon kun la patro.

Probable Giovanni ne estas rimarkinta, malgraŭ sia analiza kompreno, kiel lia propra filo tenas sin aparte kaj kiel nur multa kuraĝo povas regi lian internan timegon.

Konkludo: Ligilo de fido kun la infano estiĝas per interŝanĝo de spertoj kaj la trankviligado kaj la subtenado de agoj. Senti sin fidinda estas esenca kondiĉo por la sento de propra valoro kiu estas nemalhavebla por esperplena estonto.

lic. Jilde Stern-Agema

## KONKURSO PRI "VIVO DE ANDREO CSEH"

En la biografia verko Vivo de Andreo Cseh de Ed Borsboom, eldonita de Internacia Esperanto-Instituto en 2003, trovigas multaj Esperantaj proverboj.

Tiuj personoj, kiuj sendos antaŭ la 1-a de januaro 2010 liston de ĉiuj entekstaj proverboj indikante la paĝon, kie ili estis trovitaj, gajnos kuponon je valoro de EUR 20,00. Ĝi validas por la aĉeto de Esperantaj libroj el la Brokantejo de IEI.

La ekskluziva bazo por la proverbeco estas "Proverbaro Esperanta" de L. Zamenhof. Atentu: la enlibraj proverboj plurfoje estas uzitaj en modifita formo! Ankaŭ tiajn la serĉanto notu en la listo.

Ekzemploj de modifo de la zamenhofa "ne ŝovu la nazon en fremdan vazon" estas:

a) ne ŝovu fingron en fremdan vazon
b) en fremdan vazon ne ŝovu nazon
c) li ŝovis sian nazon en fremdan vazon

Adreso por sendi: IEI (AC-proverboj) / Riouwstraat 172 / NL-2585 HW Den Haag aŭ <iesperanto@versatel.nl>, kun mencio (AC-proverboj) >

Informis: Atilio Orellana Rojas

## IRU KUN NI AL GERMANIO!

La 16-an de majo okazos por la 6-a fojo reciproka vizito inter la E-klubo en la germana Essen kaj la esperantistoj en la regiono Helmond-Eindhoven. Ĉi-foje la nederlandanoj vizitos Germanion kaj niaj orientaj najbaroj gvidos nin tra la urbo Bochum. Interesitoj povas ricevi pliajn informojn ĉe Twan Gremmen:

<info@twangremmen.nl>, aŭ telefone: 0492-544472. Informojn pri Bochum oni povas jam legi en la Esperantlingva Vikipedio: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Bochum> .

Twan Gremmen kaj Ralph Schmeits.

## LA AMSTERDAMA KATEDRO

Amsterdama Katedro estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA).

Kompilas: Wim Jansen (WJ)

Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro, kiel PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero.

Reagu al: <wimjansen@casema.nl>

- La 4-an de septembro, je la 14:30 horo, okazos la inaŭgura parolado de la katedrulo pri interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo. Ĝi estos publika evento en la aŭlo de la universitato. Pliaj informoj aperos en la venonta numero.

## STUDO-SEMAJNFINO EN SCHOONLOO

Dufoje jare ESPERANTO NEDERLAND organizas stud-semajnfinon, dum kiu oni instruas diversnivele de tutkomencanto ĝis fluparolanto. Ĉifoje ne, kiel ĝis nun, en naturamikdomo sed en la drenta Schoonloo.
Post veturado sur provinciaj vojoj kiuj kondukis nin tra arbaroj, torfregionoj kaj laŭ kanaloj, ni finfine atingis la grupakomodaĵon "De Strubben". Ĉe la eniro jam poto kun bongusta supo staris por ni preta; Marijke kaj Vinus faris ĉion por komfortigi al ni.



La partoprenantoj iom post iom alvenis, kaj gemuta miksaĵo de interparoladoj plenigis la salonon.
Entute estis 28 partoprenantoj de diversaj niveloj kaj ĉiuj aĝoj: la plej juna estis 14-jara, krome ĉeestis 5 instruantoj kaj 3 organizantoj.
Inter la partoprenantoj estis du eksterlandanoj: bulgaro kaj polo kiu jam loĝas multajn jarojn en Germanio.
La postan matenon la lecionoj komenciĝis. Johan van der Hoek estris la grupon de veraj komencantoj, helpate de Rudi Koot.
Post interkonatiĝo (ankoraŭ en la nederlanda) Johano rakontis pri la estiĝo de Esperanto. Dum posttagmeza promeno en apuda arbaro la vortprovizo estis pliriĉigita. Krom nombrado, la nomoj de la tagoj. Laŭ koloroj oni ankaŭ pritraktis parton de gramatiko.
Roel Haveman gvidis la duan grupon.
Bertde Wit estris la trian grupon; Marlijne, unu el la partoprenantoj raportis la sekvontan:
"Se oni estas tro granda por la servieto kaj tro malgranda por la tablotuko, oni dividiĝis por la studsemajnfino en la grupon de Bert de Wit. Por mi estis la unua fojo ke mi partoprenis en ĉi tiu grupo kaj mi tre scivolis kion la instruisto prezentos al ni.
Ĉar la partoprenantoj ne konas ĉiujn aliajn ĉeestantojn, tial estas bona kutimo komenci la lecionon per interkonatiĝo per intervjuado – en Esperanto, kompreneble. Tio montriĝas tre praktika maniero por sin ekzerci pri la (fi)famaj ki-vortoj kaj ilin ripeti. Do ekestis vigla konversacio kun demandoj tiel variaj kiel "Kiujn hobiojn vi havas?", "Kial vi loĝas en du vilaĝoj?", "Kio estas la plej grava en via vivo?" Mi lernis kaŝi nian nescion respondante: "Domaĝe… estas tro malfacile por klarigi…" Intertempe la instruisto atentigis pri diversaj gramatikaj scietoj, kiel ekzemple la por mi ankoraŭ ĉiam malklara uzo de la finaĵo "-umi". Jes, ni bone umis dum la lecionoj.
Ĉiu intervjuvico finiĝis per la instruista demando al la intervjuanto: "Ĉu vi estas kontenta?" Kompreneble, ni ĉiam estis kontentaj, kaj inter la lecionoj ni povis kafumi kaj tablumi kun multa plezuro. Aliaj lecionoj pleniĝis per teatraĵoj inter ekzemple kelnero kaj gastoj, vestbutik-



vendisto kaj klientoj, domvendistino kaj dominteresiĝanta sinjorino k.t.p., kaj per lingvoludoj kaj teksttradukoj."
Fine Rob Moerbeek okupis sin pri la progesintoj. Li prezentis al sia grupo varian programon, ekzemple, komikan poemon de Guido Gazelle "Farmpentrado", kiu estis tradukita en altnivelan Esperanton.
Poste pli serioza laboro, kelkaj paĝoj el libro de hungara verkisto István Nemere: kaj Esperante kaj hungare tiu verkisto estas produktiva.
Nedko, la bulgara partoprenanto parolis pri la tradicio en sia lando ke printempe ĉiu dum kelkaj semajnoj surhavas ruĝajn kaj blankajn braceletojn aŭ du tufojn pinglas sur la brusto. Surhavi tion donus sanon dum la venonta jaro. La braceletojn kaj tufojn kiujn li kunhavis, li disdonis al la ĉeestantoj.
Sabatvespere venis tempo por distro, kelkaj rigardis la videolecionojn de Mazi en Gondolando, aliaj kantis Esperante, aliaj interparolis senĉese.
Dimanĉmatene oni povis elekti: partopreni en la lecionoj aŭ en laborkunveno kiun prizorgis du kunlaborantoj de "Loesje".
Loesje estas organizaĵo kiu estiĝis antaŭ 25 jaroj por pensigi homojn pri aktualaj kaj sociaj temoj. Dume ili ankaŭ aktivas ekster Nederlando, ekzemple la ĉefoficejo troviĝas en Berlino.
Por trafi la ĝustan tonon, la partoprenantoj unue imagu sin Loesje, 16 jaran knabinon kiu kritike rigardas la mondon sed ankoraŭ ne estas amariĝinta.
Diversmaniere la cerbo estis stimulata, elpensi "Loesje"-tekstojn pri diversaj temoj.
Dume Marijke kaj Vinus preparis bongustan nudeloplادon. Post la manĝo oni kune promenis tra la belaj ĉirkaŭaj arbaroj, dum oni vigle parolis en Esperanto. Tuj ĉe la reveno en "De Strubben" jam estis tempo por adiaŭi, per kio bon-organizita studsemajnfino estis fermita.

## LOESJE EN LA STUDO-SEMAJNFINO

En la grupo de komencontoj, instruata de Johan van der Hoek kun helpo de Rudi Koot, partoprenis tri virinoj, el kiuj du de la nederlanda asocio Loesje. Dimanĉe la du virinoj de Loesje donis al tiuj, kiuj volis, laborsesion. Loesje komencis en la 1980-aj en Arnhem per afiŝoj kun pensigaj tekstoj. En la laborsesio la partoprenantoj faris nederlandajn tekstojn pri Esperanto. La laborantoj de la sekretariejo en Arnhem elektos la plej bonajn. Poste ili petos spertajn esperantistojn, ke ili traduku la tekstojn en Esperanton. Por ĉi tiu studsemajnfino estis bona krucpolenado inter ESPERANTO NEDERLAND kaj Loesje. Vidu ankaŭ sur <www.loesje.nl>, <www.loesje.cc> kaj <www.loesje.org>.

# INFORMOJ PRI ESPERANTO EN INTERRETO (DAŬRIGO)

## *Geografio de la dua mondo*

***Daŭrigo de la artikolo en la antaŭa numero. Mi estas certa ke ĉi tiu "geografia leciono" ne estas sen eraroj, kaj ĝi ankaŭ ne estas kompleta. Tial viaj komentoj estas bonvenaj.***

### LINGVA PRISMO

<http://lingvo.info>. Diversaj interesaj informoj pri lingvoj, alfabetoj, skribsistemoj, skribiloj ktp. La tekstoj estas malagrable malgrandaj kaj do malfacile legeblaj.

### INTERKULTURO

<http://interkulturo.net>. Centro en kiu diversaj kulturoj povas renkontiĝi.

Per la butono <esplortemoj> oni povas atingi la libron "Baza Radikaro de Esperanto", verkitan de Wouter Pilger.

### LITERATURA MONDO.

De oktobro 1922 ĝis 1949 aperis la revuo "Literatura Mondo", de kiu ekzempleroj estas malfacile troveblaj. Por konservi la ofte valoran enhavon, Roel Haveman komencis enretigi ĝin, depende de sia libera tempo...

Kontaktu kun <www.tekstoj.nl> kaj rigardu la rubrikon "Aktuale", dekstre en la paĝo.

### MONDA KALENDARO

<http://www.mondakalendaro.org>. Prezentas informojn pri ĉiaspecaj kunvenoj kaj kongresoj. Ekzistas la eblo mem aldoni informojn kaj invitojn.

### MP3 KAJ REAL AUDIO

Rubriko ĉe la fino de <http://esperanto-panorama.net/> diras: Por aŭskulti la radiojn kaj muzikojn per "real audio" vi povas elŝuti (download) la senpagan version de "realplayer" en la paĝo <http://www.real.com/ >.

Por aŭskulti la dosierojn mp3 elŝutu la version "judebox" de realplayer, ankaŭ senpagan, en la sama paĝo. Tiu ĉi versio permesas aŭskulti mp3- kaj real audio-dosierojn ambaŭ.

Atentu! La senpagaj versioj estas en la mezo de la paĝo, post la pagaj!

Se vi ne scipovas la anglan, iru en la rubrikon "international" por vidi aliajn lingvojn!

### NITOBE.

<http://nitobe.info>. Centro por lingva demokratio. Publika debato pri internacia komunikado kaj la rolo de Esperanto en ĝi.

Butono prezentas Esperanto-klavaron por la komputila tekst-sistemo UNIKODO: numeroj de kodoj kiujn oni povas uzi por presi literojn kun supersignoj.

### PASPORTA SERVO

PPS estas kompreneble trovebla ĉe <TEJO>, sed ankaŭ aliloke, ekz. ĉe ESPERANTO-NEDERLAND, butono <links>.

### NOSOBE <www.nosobe.nl>

La nederlanda E-societo de blinduloj kaj malforte vidantoj havas propran paĝon kun informoj pri la organizo, siaj aktivadoj, kaj pri Esperanto. Kaj kompreneble la teksto estas en grandaj literoj kaj tial bone legebla. Tamen: la nigra teksto estas sur malhelverda fono... bedaŭrinde!

### RADIO KAJ TELEVIDO

<http://osiek.org/aera>. Donas informojn pri frekvencoj kaj horaroj de elsendoj, kaj havas son-arkivon. Horaroj de la diversaj elsendantoj en la nederlanda lingvo troviĝas ankaŭ ĉe <www.esperanto.be/fel/nl//radio>.

### TEJO

<http://www.tejo.org/eo/> Paĝaro de la Junulara organizo TEJO kun bonaj informoj, ne nur pri la organizo mem sed ankaŭ pri multaj aktivadoj en la Esperanto-mondo, kiel kongresoj, kunvenoj kaj kursoj. Ligilo kondukas al la projekto Pasporta Servo.

Paĝaro de NEJ estas ĉe <www.esperanto-jongeren.nl>.

### TRADUKADO

<www.tekstoj.nl> estas persona paĝaro de Roel Haveman, kiu prezentas tradukojn de kanzonoj, kiujn li faris. Kelkaj el ili estas (foje parte) aŭdeblaj.

Cetere multaj artikoloj kaj konsiloj pri tradukado estas troveblaj ĉe la butono <Artikoloj> kaj tre valora dokumentaro estas atingebla per la butono <Ligoj>. Tie troviĝas vortaroj, artikoloj, informoj pri kursoj kaj ekzameno.

Kiel donacon al la esperantistaro li pretigas retan version de la revuo "Literatura Mondo", kiu aperis inter 1922 kaj 1949. Vidu sub "Aktuale", dekstre en la bonveniga paĝo.

### UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

<http://uea.org>. Sep-lingva paĝaro kun informoj pri la asocio, ĝiaj celo, statuto, revuo ktp.

Plej facile estas klaki la butonon "enhava dosiero" en la dekstra angulo supre, per kiu oni atingas klaran bildon de ĉio kio estas prezentata.

### VIDEO-FILMETOJ & MAZI EN GONDOLANDO

Vidu la rubrikon video-filmetoj ĉe <http://www.Kanzonamikaro.worsten.org>.

### VORTAROJ

Multlingvaj vortaroj estas troveblaj ĉe <www.la-vortaro.de/revo/>, sed malfeliĉe mi ne tuj plene komprenis la funkciadon.

Por multaj lingvoj simpla vortaro troviĝas ĉe <lernu.net>.

